3a JARO SEPTEMBRO-OKTOBRO 1911. 11-12a NUMERO (35-36)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de VAN DER BIEST-ANDELHOF, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

**ABONPREZO :**

| | | |
|---|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— | (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— | (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 | (Sm. 0.16) |

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio kio koncernas la redakcion (artikoloj, ĉiuspecaj informoj, jurnaloj, broŝuroj, libroj) : S-ro OSCAR VAN SCHOOR, 20, Vondelstraat, Antwerpen (Rue Vondel, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj, monsendoj, k. t. p.) S-ro FR. SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# LA "SEPA"

## ANTAŬ LA KONGRESO

Super la Skeldurbo lumis la ora suno kaj l'azurblua ĉielo kiam la unuaj verdostelanoj alvenis por ĝui la antaŭkongresan ripozon.

Ĉiuj tuj sentis, ke ili eniris belan urbon, kiu estas preta akcepti la kore bonvenajn gastojn ; ŝajnis, ke la multaj gajaj homoj, kiuj kun muzikbandoj (*) marŝis tra larĝaj stratoj, volas saluti kaj honori fremdandajn kongresanojn.

Kaj jen flirtas sur domo la unua verda standardo ! Baldaŭ oni vidas, ĉu dekstre ĉu maldekstre, la helan koloron de la kvinpinta stelo, sur banderoloj, butikoj, bazaroj kaj privataj domoj.

Ĉiun ĝojigas tiu festa vestaĵo, kaj la publikaj koncertoj sur la grandaj placoj kaj la majestaj melodioj, kiuj sonoras de la giganta katedralturo, miksiĝas al rava ĝuo de harmonio.

Harmonio estis la tuta kongreso, harmonio de laboro kaj plezuro.

Alveninte en la granda ĉefa stacidomo la esperantistaj karavanoj el ĉiuj partoj de Eŭropo estis gvidataj de antverpenaj

(*) Pro la samtempe okazanta kermeso ?

amikoj aŭ de la ĉiam afablaj policanoj-samideanoj al la loĝejo en diversaj partoj de l'urbo aŭ al la «Reĝa Ateneo».

En ĉi tiu vasta konstruaĵo troviĝis la kongresoficejoj : la akceptejo, sekretariejo, poŝtejo, monŝanĝejo, la ĉambro de la loĝiga komitato kaj la ekspozicia salono.

Rapidemaj manoj tie transdonis la oficialan kongres karton, la programon, la kongreslibron, la belan kaj efikan insignon, kiun (ĉar ĝi estis ordensimila) fiere oni povis nomi « ordeno de la honora legio esperantista ».

Tuj post tiuj formalaj informoj oni povis en la vasta kaj ombra korto de l'Ateneo uzi la bonan okazon por babili kun multaj malnovaj kaj novaj konatoj, kies svarmado donis al tiu korto la ŝajnon de giganta abelejo.

*Vendredon, la 18 an de aŭgusto*, vespere, alvenis la kara majstro kun sia familio.

*Sabaton la 19-an de aŭgusto*, posttagmeze je la 3a, elegantaj « landaŭ » -aj kaleŝoj veturigis D-ron Zamenhof kaj niajn eminentulojn al la imponanta antikva urbdomo sur la « granda placo », kie amaso da entuziasmemaj kaj scivolaj esperantistoj atendis la vidindan spektaklon. En la «Leys »-salono jam ĉeestis la urbestro, S-ro De Vos, ĉirkaŭita de la skabenoj kaj de l'membroj de « Loka Komitato », « Konstanta Komitato de la Kongresoj », de la « Akademio » kaj de la ŝtataj de egitoj. S-ro Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la organiza komitato prezentis D-ron Zamenhof kaj la eminentajn gvidantojn de nia movado. La urbestro salutis plej afable kaj simpatie nian majstron en la nomo de l'urbo Antverpeno. Lian flandran paroladon, kies tekston S-ro Ritschie tradukis Esperanton, laŭte aplaŭdis la fervoraj gesamideanoj. Dum pokalo da ŝaŭmanta vino estis donita al D-ro Zamenhof la esperantista popolo en la salono kaj ekstere sur la placo kantis la esperantistan himnon. Poste la urbestro transdonis al S - ino Zamenhof la tradiciajn rozojn ; D-ro Zamenhof, per emociaj paroloj dankis la urban magistraton, kaj fine li kaj la aliaj honorataj gastoj enskribis siajn nomojn en la oran libron de Antverpeno. Estis vere inda kaj nobela akcepto. — Vespere je la 8 1/2 a. en la « Flandra Operejo », kiu dum tuta semajno estis je la dispono de l' kongresanoj, la Londona « Vagabonda Klubo » komencis la vicon de la kongresaj plezuroj per bela koncerto. Precipe citindaj en la programo estis la « Valso en Es » de Chopin, talentplene ludita de F-ino M. Barbin, la kanto « Patrolando » de Tschirch, tradukita kaj kantita de S-ro Harvey, la dueto el « Samson kaj Dalila » de Saint-Saëns, kantita de F-ino Maude kaj S-ro Jones, la humora monologo prezentita de F-ino Ŝefer kaj la virtuoze de F-ino Schebsmann ludita violonsolo « Zigeunerweisen », de Sarasate. La multnombraj aŭskultantoj atente silentis kaj multe aplaŭdis la koncerton de la « V. K. »

## LA KONGRESA SEMAJNO

*Dimanĉon, la 20an,* matene la katolikaj esperantistoj ĉeestis meson en la belega ĉefpreĝejo, kie S-ro Pastro Richardson predikis, kaj poste partoprenis kun propra standardo la religian procesion je l'honoro de la S-ta Virgulino. La protestantaj samideanoj en la « Christus-Kirche » aŭskultis la solenan predikon de l' honorinda pastro van Griethuysen kaj kantis belajn esperantigitajn himnojn.

Posttagmeze la samcelanoj vizitis la Zoologian Ĝardenon, kie en freŝa aero okazis rimarkinda koncerto, aŭ ili eniris la riĉenhavajn kaj multvalorajn muzeojn, kies pordoj dum la tuta semajno senpage estis malfermitaj al la kongresanoj.

Vespere, ree en la Flandra Operejo, diverslandaj nemetiaj aktoroj ludis tri unuaktaĵojn.

Antaŭ la leviĝo de la kurteno,subita ovacio salutis nian genian majstron, kiu la unuan fojon estis meze de siaj fideluloj. Ekstarinte, sin direktante al la honora loĝio, la tuta ĉeestantaro kantis « La Espero ». Oni povas imagi, ke per tio la prezentado estis inaŭgurata kun vera entuziasmo.

Ne mirinde, ke la unua teatraĵo, « Devo de Reĝo » de Nestor de Tière, esperantigita de la pseŭdonima, sed tamen bone konata samideano Amatus, vekis en ĉies animo la ĝustan komprenon, la sinceran kunsenton. La geaktoroj, S-ino Lola Carew (London) kaj S-ro Alfons Van de Velde (Boom, Belgujo), efektive majstre prezentis la tendencon de la drameto : same kiel la reĝino ĉiam restas fidela patrino kaj ofereme zorgas pri siaj infanoj, forlasante ofte siajn proprajn dezirojn, same la reĝo devas protekti siajn infanojn, la regnanojn, kaj kelkfoje forgesi siajn ambiciojn kaj aspirojn, elektante anstataŭ milito la benantan pacon. Kvarfoje la publiko per aplaŭdego sur la scenejon revokis la talentajn aktorojn.

La dua teatraĵo, de la komika speco, estis ludata de ses diversnaciaj gesinjoroj (Hispanujo, Belgujo, Germanlando, Francujo, Anglujo kaj Bosnio). La ofta kaj natura ridado pri la humoraj situacioj estis la plej bona aplaŭdado.

Sed la plej brila okazaĵo de l'vespero estis « La Revuo de la Sepa ». Sen flatemeco oni povas diri, ke la plej granda parto de l'danko apartenis al la nekredeble multflanka verkinto de la libreto, S-ro Jan, kiu persone direktadis la muzikan parton. Entute la sukceso estis bonega. Kvankam lastmomente la ĉefa aktoro (la figuranto de Rubens) devis esti anstataŭata per nesperta sed bonvola samideano, la tuta impreso de la lukse kostumita popolamaso, de l'korekte kantitaj ĥoraĵoj kaj solokantoj estis plejeble efika.

*Lundon, la 21an,* matene kelkaj nacioj kunvenis por elekti siajn parolantojn kaj por priparoli la venontajn diskutadojn kaj decidojn. Samtempe la sekretarioj de la Centra Oficejo kontrolis la rajtojn de l'oficialaj delegitoj, kiujn estis nomintaj

la Esperanto-societoj, asocioj, ktp. Antaŭtagmeze ankaŭ havis siajn specialojn kunsidojn la ligo (de malvastnacianoj) kies interesan diskutadon partoprenis anoj kaj amikoj de la nacioj finlanda, pola, baska, latva, kataluna, ktp.), la teosofistoj, la studentoj, kaj la Internacia Instituto de S-ro Privat.

Posttagmeze, je la 3a horo, en la vastega, sed plenplena halo de la Zoologia Ĝardeno okazis la gravega manifestacio, kiu per sia soleneco kaj entuziasmo donis al la tuta kongreso la nediskuteblan karakteron de forto kaj fiero.

Sur la tribuno oni povis admiri la brilan nombron da eminentuloj kaj ŝtataj reprezentantoj — kvazaŭ inda kortego por nia genia, sed tamen modesta majstro.

S-ro Yemans, la vicprezidinto de la «Sesa», malfermis la kongreson kaj proponis kiel prezidanton S-ron Van der Biest-Andelhof, kiel anstataŭantojn S-rojn Van Schoor kaj prof. Delvaux, kiel sekretariojn S-rojn Chavet kaj D-ron W. Van der Biest. Unuanime oni aklamis. S-ro Van der Biest-Andelhof dankis pro la elekto kaj donis la parolvicon al la urbestro de Antverpeno, S-ro De Vos, kiu en flandra lingvo esprimis la ĝojon de la festurbo kaj sian propran, ke la grava kultura movado ĉiam pli etendiĝas en sia hejmlando kaj ke nun en sia hejmurbo ĝi kunfluis por plisolidiĝi kaj unueciĝi. La resuman tradukon de S-ro Ritschie sekvis deca aplaŭdo.

Sed plej sincera, ardanta, tondra aplaŭdego eksonis, kiam D-ro Zamenhof leviĝis por legi sian kongresparolon. Nia kara majstro parolis jene :

Kiel tradicia malfermanto de la kongresoj esperantistaj, mi permesas al mi esprimi en la nomo de ĉiuj kongresanoj nian respektan kaj sinceran dankon al Lia Reĝa Moŝto la reĝo Alberto por la granda honoro, kiun li faris al nia afero, prenante sur sin la protektantecon super nia kongreso. Mi esperas, ke mi esprimos la deziron de ĉiuj kongresanoj, se mi proponos ke ni sendu telegrafe nian diversgentan saluton al la regnestro de la lando kies gastoj ni estas, kaj nian dankon al nia alta protektanto. Mi esprimas ankaŭ en la nomo de la kongresanoj nian koran dankon al la urbestraro de Antverpeno, kiu afable donis al ni sian helpon kaj moralan apogon. Fine mi esprimas nian koran fratan dankon al tiuj niaj belgaj samideanoj, kiuj tiel laboreme kaj zorge pretigis nian grandan feston.

Mi uzas ankaŭ la okazon de nia festo, por revoki en vian memoron la nomon de unu viro kiu havas grandegajn meritojn en nia afero. La prelato JOHANN MARTIN SCHLEYER, kies nomon ĉiu el vi konas tre bone, la aŭtoro de Volapük, antaŭ nelonge festis la okdekan datrevenon de sia naskiĝo, kaj estus nepardoninde se ni ne uzus la okazon de nia nuna ĝenerala kunestado por esprimi al li tiujn sentojn, kiujn ni ĉiuj havas por li. Li estas la vera patro de la tuta internacilingva movado. Antaŭ li oni ankaŭ revis pri lingvo internacia, oni provis labori por ĝ : sed tio estis nur teoriaj skizoj, palaj senkorpaj fantomoj en la regiono de revoj. Li estis la unua kiu diris al si : por lingvo internacia mi volas ne revi, sed *labori*; dum ĉio ĉirkaŭe dormis, li estis la unua, kiu praktike kreis la internacilingvan *movadon*. Volapük ne estis venkita de Esperanto, kiel multaj personoj pensas tute erare ; ĝi pereis *per si mem* en tiu tempo, kiam la trankvile kaj senartifike laboranta Esperanto estis ankoraŭ tro malforta, por iun venki ; ĝi pereis ne pro sia stranga sonado aŭ pro aliaj similaj

kaŭzoj, ĉar al ĉio oni povas alkutimiĝi, kaj kio hieraŭ ŝajnis sovaĝa, tio morgaŭ aperas kiel io tute natura kaj bela : per longa kaj multespeca uzado eĉ la plej sovaĝa idiomo de la plej barbara gento iom post iom fariĝas riĉa, eleganta kaj oportuna lingvo.

Volapük pereis ĉefe pro *unu* grava eraro, kiun ĝi bedaŭrinde enhavis : *absoluta manko de natura evolucipovo* ; kun ĉiu nova vorto aŭ formo la lingvo devis konstante dependi de la decidoj de unu persono aŭ de facile inter si malpaconta personaro. Kiel sur bastono plantita en teron, novaj branĉoj kaj folioj ne povis nature kreski sur ĝi, sed devis esti konstante skulptataj kaj algluataj. Se ne ekzistus *tiu* eraro, kiun korekti oni bedaŭrinde ne povis, Volapük neniam pereus kaj ni ĉiuj nun verŝajne parolus Volapüke. Sed tiu bedaŭrinda eraro, kiun kaŭzis ne manko de talento kaj de laboremeco, sed nur tro rapida publikigo de la lingvo sen sufiĉe matura elprovado, — tiu eraro, kiu pereigis Volapükon, neniel malgrandigas la meritojn de ĝia aŭtoro, kiu la unua potence skuis la mondon por nia ideo ; la grandaj meritoj de Schleyer en la internacilingva historio neniam malaperos.

Mi proponas al vi, ke okaze de la festo de Schleyer ni telegrafe sendu al li en la nomo de la tuta esperantistaro nian koran gratulon, nian dankon por lia granda laboro kaj nian deziron, ke li vivu ankoraŭ longe kaj havu la konscion, ke la fruktoj de lia laboro neniam pereos.

Karaj amikoj ! Mi staras hodiaŭ antaŭ vi ne esperinte. Ĉar dum la lasta tempo la stato de mia sano estis tro malbona, mi decidis ne veturi al la kongreso en ĉi tiu jaro. Tamen en la lasta momento mi devis ŝanĝi mian decidon, ĉar mi rimarkis, ke la projekto, kiun mi prezentis por diskutado dum la sepa kongreso, ne de ĉiuj estas ĝuste komprenita kaj eble bezonos klarigojn de mia flanko. Tial ne miru, ke mi ne prepariĝis paroli antaŭ vi pri ia speciala temo, sed mi tuŝos nur per nemultaj vortoj tiun demandon, kies pridiskutadon dum la kongreso mi proponis al vi. Mi ne antaŭvenos vian decidon por aŭ kontraŭ la diskutota projekto, mi volas nur diri kelkajn ĝeneralajn vortojn, por instigi vin bone kaj senpartie prepariĝi por la venontaj diskutoj.

Ekzistas en nia afero demandoj kiuj povas esti solvataj ne de iu aparta persono, ne de iu aparta nacia asocio, ne de iu aparta institucio, sed nur de la tuta esperantistaro ; ekzemple la demandoj pri nia Lingva Komitato, Konstanta Kongresa Komitato, k. t. p. Se iu volas fari simple konsilajn proponojn pri la interna agado de tiuj institucioj, li povas prezenti siajn proponojn al la estroj de iaj diritaj institucioj, sed se oni faras plendojn, se oni postulas reorganizon, anstataŭigon aŭ eĉ forigon de tiuj institucioj, — tiam al kiu oni devas sin turni ? Aŭ se aperas iaj demandoj, kiuj koncernas la tutan esperantistaron, sed apartenas nek al la Lingva Komitato, nek al la Komitato de la Kongresoj, — tiam kiu havas la rajton ilin solvi ? En sia privata esperantista vivo ĉiu persono aŭ grupo aŭ asocio estas kompreneble tute liberaj kaj povas agi, kiel ili volas kaj povoscias ; sed pri ĉiuj demandoj, duboj aŭ entreprenoj, kiuj koncernas la *tutan* esperantan aferon, estas nepre necese, ke ni havu la eblon ĉiam scii la veran opinion aŭ deziron de la tuta esperantistaro. Esperanto ne estos ankoraŭ en tia feliĉa stato, ke ĉiu povu nur tiri el ĝi profiton, ne zorgante pri la bonstato de la afero mem : ni devas kaj dum longa tempo ankoraŭ devos propagandi ĝin, kreskigi ĝin, defendi ĝin kontraŭ malamikoj sed se ni ne havas la eblon regule interkonsiliĝadi, aŭ se niaj interkonsiliĝoj farataj ne en orda parlamenta maniero, ne havos moralan valoron por la esperantistoj, ni similos organismon sen kapo kaj sen manoj, ni nenion povos entrepreni, ni staros senmove kaj malpacos inter ni mem.

Mi ne volas en la nuna momento defendi la projekton, pri kiu vi en la plej proksimaj tagoj diskutos : tre povas esti, ke la projekto havas gravajn erarojn, kiujn via pridiskutado forigos : tre povas esti, ke la tuta projekto montriĝos neakceptinda kaj tiam — vi scias tion tre bone —. mi

ne penos altrudi ĝin al vi, kiel mi neniam ion al vi altrudis. Nur pri unu afero mi kore vin petas: kion ajn vi decidos, — ni ne fermu nian kongreson antaŭ ol ni en tia aŭ alia formo faros ian aranĝon, kiu donos al ni la eblon almenaŭ unu fojon en jaro solvi ĉiujn kolektiĝintajn disputojn aŭ dubojn en lojala interkonsento kaj konforme al la vera deziro de la tuta esperantistaro.

La aranĝo de regula kaj rajtigita kongresa voĉdonado, kiun mi proponis al vi, aŭ ia alia simila aranĝo, kiu eble rezultos el via diskutado, ne estos ia nova institucio kaj per si mem ne ŝanĝos la iradon de nia afero: sed ĝi donos al ni la forton de ordo kaj de solidareco. La institucioj kiujn ni kreis, aŭ eble ankoraŭ kreos, ĉesos havi la karakteron de ia privataĵo, kiun neniu subtenas kaj multaj atakas. Ili havos rajton diri al la esperantistaro: se ni estas bonaj, respektu nin kaj subtenu nin; se ni estas malbonaj, reorganizu nin aŭ forigu nin. Ĉiu esperantisto scios, al kiu plej alta instanco li devas sin turni, se tio aŭ alia en la komunaj esperantistaj aferoj ne plaĉas al li, kaj oni ĉesos konstante sin turnadi al mi, kiu hodiaŭ vivas kaj morgaŭ povas ne vivi, kaj kiu cetere havas nek rajton nek deziron solvi ĉiujn disputojn propradecide.

Ni komencu nian feston kaj ankaŭ niajn laborojn, al kiuj ni dediĉu nian plenan atenton kaj senpartiecon. Se el niaj laboroj rezultos la enkonduko de preciza ordo en nian aferon, tiam la kongreso Antverpena estos unu el la plej gravaj inter niaj kongresoj. Tion ni esperu. Ĉiu el ni havu le firman decidon helpi per ĉiuj fortoj al la enkonduko de ordo kaj forigo de ĉiuj malpacoj en nia afero. Kun tiu firma kaj solena decido en la koro ni kriu: vivu, kresku kaj floru nia afero!

Ĝis nun preskaŭ religia silentado estis reginta; sed la lasta kora deziro denove ekscitis la flamantan aklamon de la tuta publiko, kiu, ekstarante, per krioj kaj flirtado de tukoj atestis sian certan konvinkiĝon pri la fina venko de nia entrepreno.

S-ro Chavet citis la multnobrajn telegramojn alvenintajn el ĉiuj partoj de l'tero; interalie sendis telegramojn la ĉefurbestro de Londono kaj la 2a internacia kongreso de katolikaj esperantistoj.

Tiam komenciĝis la longa vico de salutparoloj, kiujn diris la ŝtataj delegitoj kaj la naciaj reprezentantoj.

Parolis intersekve S-ro Einar Schibbye en la nomo de la Norvega ŝtato, S-ro urba konsilanto Biskup por la magistrato de Prago, S-ro Goemans, ĝenerala inspektoro de la mezgrada instruado, en la nomo de la Belga registaro, S-ro kapitano Perogordo, por Hispanujo kaj persone por la reĝo Alfonso XIII. Vere impresa kaj tuŝanta estis la momento, kiam la hispana konsulo de Antverpeno transdonis al D-ro Zamenhof la komandoran krucon de l'ordeno de Izabelo la Katolika. Oni senkaŝe devas konfesi kun la hispana reĝo, ke tiu ĉi honoro estis pli ol meritita de nia altŝatata majstro; kaj la samcelanaro rajtas esti fiera kun li pro tiu atesto pri la valoro de nia movado. Plue parolis S-ro Miranda por Brazilujo, S-ro D-ro Fraga en la nomo de Ĉilo, la sekretario de la ĥina legacio en Bruselo, S-ro Kuij-Pinh-Jung por Ĥinujo, S-ro D-ro Fischer por la komercaj ĉambroj en Galac kaj Bukareŝt kaj en la nomo de la Rumana agrikultura ministro, S-ro ŝtata konsilanto Nedoŝivin por la ministerio de komerco kaj industrio en Rusujo, S-ro Yemans en la nomo

de la milita ministro de Usono kaj de la Ruĝa Kruco, S-ro Reed por la ministerio de komerco en Usono kaj por la komerca ĉambro en Washington, S-ro Mac Kelvy en la nomo de la Usona oficejo de pesiloj kaj mezuriloj, S-ro D-ro Rudy por North Carolina, S-ro Hailman por Pensylvania, S-ro Lee por Massachusetts, S-ro Stanyan por Vermont, kaj S-ro Moscheles en la nomo de l'Internacia Asocio por paco kaj arbitracio.

La urbo Brugge (Belgujo), la ŝtatoj Guatemala, Respubliko San Salvador kaj Persujo, la Internacia Instituto de Bibliografio en Bruselo, la Touring-Club de France, la Londona Societo Pacifista kaj aliaj internaciaj organizajoj estis sendintaj special ajn leterojn.

Tiam S-ro Hermans esprimis la saluton de la Antverpenoj policistoj esperantistaj kaj ilian esperon, ke la aliaj kolegoj baldaŭ sekvos la donitan ekzemplon. Kaj fine parolis la multaj reprezentantoj naciaj : S-roj D-ro Werber (Germana Aŭstrio), Biskup (Bohemujo), Bubalo (Kroatujo), Booth (Aŭstralio), Delvaux (Belgujo), Colucci (Brazilujo), Mudie (Anglujo), kolonelo Pollen (Gibraltar), Ford (Skotlando), Edwards (Irlando), Speesa (Transvaal), Stojev (Bulgarujo), Fraga (Ĉilo), Hinrichsen (Danujo), Korpelainen (Finlando), S-ino Tiard (Francujo), S-roj Kandt (Germanujo), de San Milan (Hispanujo), Pujula (Katalunujo), de Allende (Biscaya), Giesswein (Hungarujo), Stromboli (Italujo), Geldert (Kanada), Odufré (Holando), Robin (Rumanujo), Ostrowski (Rusujo), Grabowski (Polujo), F-ino Josefson (Svedujo), S-roj Privat (franca Svisujo), Schmid (germana Svislando) kaj Harris (Usono). Speciala danko salutis la samideanojn, kiuj parolis nur la minimumajn tri vortojn : « Mi salutas vin ! »

Oni elektis ankoraŭ kiel naciajn vicprezidantojn S-rojn Schöder (Aŭstrio), Mudie (Anglujo), Rollet de l'Isle (Francujo), Mybs (Germanlando), de Saussure (Svisujo), S-inon Kellermann-Reed (Usono), aŭskultis diversajn privatinformojn kaj finis tiujn pli ol trihoran neforgeseblan kunsidon per la potenca himno esparantista.

La vespero estis dediĉata al koncerto de flandraj kantoj okazanta — kompreneble ! — en la Flandra Operejo. La intenco de ĉi tiu prezentado estis montri al la internacia publiko la simplan, sed varman kaj ĉarman animon de la flandra popolo, kiu preskaŭ ne pli bone povas esti esprimata ol per tiuj modernaj kaj antikvaj, gajaj aŭ seriozaj melodioj kaj poemoj. La esperantistoj bone komprenis tiun internan sencon de la kantoj eĉ sen la proza tradukaĵo Esperanta. Precipe plaĉis pro ilia dolĉeco la melodioj de *Ik ken een lied* (« Mi konas kanton »), komponita de Willem de Mol, kaj *Mijn Moederspraak* (« Mia gepatra lingvo »), de Peter Benoit. Krom tio la majstreco de la gekantistoj F-inoj Seroen kaj Buyens, S-roj Bol kaj Collignon sorĉis per pureco kaj klareco

kvazaŭ superteran muzikon. Ili nepre meritis la ofte ripetitan aplaŭdon.

*Mardon, la 22an*, antaŭtagmeze diversaj fakaj organismoj laboris en specialaj kunvenoj (ĉiam en « Reĝa Ateneo »). — La farmaciista kunveno estis prezidata de S-ro Van Schoor (Antverpeno). Oni vigle diskutis pri teĥnologio kaj tradukarto, plibonigis la statuton de l'asocio kaj decidis post kelka tempo eldoni specialan gazeton.

La Financa Konsilantaro ekzamenis la kontojn de l'Konstanta Komitato kaj aprobis la bilancon.

La kunsido de geaŭtoroj kaj tradukantoj,prezidata de F-ino prof. Hankel, rezultigis la decidon, ke por eviti la eblon de sammateriaj tradukaĵoj oni kreos centran organizaĵon, kies membroj estos la plej konataj aŭtoroj kaj kiu kribros la oron de la ŝtonaĵo.

La geinstruistoj — sub la prezidado de S-ro Durieux — priparolis la enkondukon de Esperanton en la publikan instruadon ; samtempe oni reorganizis la internacian pedagogian asocion.

La kunvenon de la vegetaranoj gvidis S-ro Asthurgill ; ili elektis novan estraron, decidis aliĝi kiel Esperantia Entrepreno al U. E. A. kaj uzi la paralelan movadon de l'antialkoholistoj.

La Internacia Instituto de S-ro Privat daŭrigis siajn ekzamenojn pri profesora kapableco.

La Universala Ligo elektis sian konsilantaron kaj fiksis la tagordon de la pluaj kunvenoj.

Fine la juristoj — sub la firma prezido de S-ro Michaux — denove klarigis la celojn de sia asocio, diskutis la juristan terminologion kaj decidis ofte publikigi artikolojn fakajn kaj poste aperigi specialajn vortarojn.

Posttagmeze la Lingva Komitato havis sian unuan kunsidon. D-ro Zamenhof, honora prezidanto, rektoro Boirac, prezidanto, kaj D-ro Mybs, vicprezidanto, ĉeestis. Pli ol 40 komitatanoj estis venintaj kaj aŭskultis la raporton pri la agado de la Lingva Komitato kaj la Akademio. Pri tio oni faris kelkajn kritikajn rimarkojn ; oni deklaris, ke verkoj pri lingvaj temoj — ekz. pri la prepozicioj — estas grava studaĵo, eĉ se kelkaj komitatanoj aŭ la publiko ilin ne tute aprobas, kaj ke tiaj publikigoj krom tio estas nur privataj kaj ne havas devigan valoron por la esperantistaro. S-ro Elb klarigis la labormetodon de unu el la sekcioj specialaj, kiuj estas diligente helpataj de nekomitataj samideanoj. Poste oni priparolis la raportojn kaj protestojn kontraŭ la vortaro de S-ro Grosjean-Maupin.

Je la 4a horo la unua labora kunsido estis malfermita de S-ro Rollet de l'Isle. Rimarkinde estas, ke la preskaŭ tro fervora deziro baldaŭ kaj funde diskuti la proponitajn decidojn tute forgesigis la « arte » — faritecon de nia lingvo kaj ke — malgraŭ objektive akra kaj ofte viglega dis-

kutado — oni tamen dum la disponebla tempo povis atingi kontentigan kaj pacan finon.

Efektive, gravega estis la demando pri la «reprezentantaro». La «rajtigitaj delegitoj» (R. D-oj = Rodoj, laŭ S-ro Pollen) serioze devis pripensi tiun paŝon ; despli ĝoje estas, ke la plej multaj voĉdonoj estis preskaŭ unuanimaj.

Speciala dankaplaŭdo salutis la simpatiindan kaj meritplenan generalon Sebert, kiam unuafoje li esprimis senkaŝe sian opinion. Pli ol 40 « Rodoj » deziris debati kaj tute libere parolis por aŭ kontraŭ la proponoj. Antaŭ ĉio oni diskutis la proponon de nia majstro (Aldono al la Regularo de la Universalaj Kongresoj de Esperanto) kaj nur malmulte ŝanĝitan oni akceptis ĝin. Pri la deziro de S-ro Privat ke denove estu fiksata la «netuŝebleco», D-ro Zamenhof respondis per la saĝaj paroloj, ke la esperanttistoj gardos sian lingvon ne pro iu ordono sed pro prudento.

La definitivan voĉdonon pri la tuta regularo oni prokrastis ĝis la 2a kunsido. Vespere — la trian fojon post sia alveno — la kongresanoj kunvenis en la Flandra Operejo. Nur la duonon da ili povis gastigi la teatro.

Jam antaŭ la levo de la kurteno, bruanta eksciteco regis inter la aŭkultantaro, kiu ree aŭdigis eksplodan aplaŭdon, kiam la majstro aperis en la honora loĝio.

Ni esperantistoj prave povas esti fieraj ke nia kara lingvo ebligas traduki tiajn trezorojn de nacia literaturo kiel « Ifigenion en Taŭrido » kaj nun « Kaatje », eĉ pli fieraj, ke ĝi ebligas vivigi tiajn perlojn de la tradukarto per la korpo, spirito kaj voĉo de tiel famaj aktoroj kiel S-inoj Bertrijn, Verstraete, Janssens kaj S-roj Verstraete kaj Van Rijn.

La aŭskultantoj certe sentis la zorgojn de la fidelaj gepatroj pri sia filo, la fajran animon de la glorsoifa Jan, la modestan sed ne venkeblan daŭran amon de Kaatje ; danki pro tio ili devas al la aŭtoro S-ro Spaak, al la talenta tradukinto D-ro Van der Biest, al la reĝisoro kaj al la bonegaj geaktoroj.

Post ĉiu akto oni devis relevi la kurtenon, kaj post la tria akto, kiam la modesta tradukinto aperis sur la scenejo inter la geaktoroj,la aplaŭdado ne volis finiĝi.Belegan rememoron pri tiu ĉi ĝuplena vespero ĉiam konservos ĉiu ĉeestinto.

*Merkredon, la 23an,* antaŭtagmeze, ree okazis specialaj kunvenoj.

En la kunsido de la « Teka » prof. Dor parolis pri reorganizo de la medicina gazeto kaj proponis, ke oni denove uzu la «Voĉo de Kuracistoj » ; provizore oni elektis komitaton por pli precize informiĝi. La regularo estis iom ŝanĝata.

La fervojoficistoj, kiuj antaŭ nelonge fondis sian internacian asocion kaj kiuj estas subtenataj de la Touring-Club de France, konsiliĝis sub la prezido de S-ro Berlande pri la financa situacio, pri la profesiaj ideoj kaj pri interŝanĝo de infanoj de fervojistoj.

La Sporta Unio ĵus naskiĝinta, priparolis sportfakajn esprimojn, precipe en l'aviadarto.

La Universala Ligo aŭskultis la raportojn de la sekretario kaj aprobis ilin.

La Liberpensuloj, prezidataj de S-ro prof. Bourlet, kunsidis kaj preparis la propagandan kunvenon okazontan vespere.

Bone vizitita estis ankaŭ la privata kunveno de la katolikaj esperantistoj. Prof. Richardson prezidis. Post la detala raporto pri la 2a internacia kongreso de katolikaj esperantistoj en Haag diversaj membroj parolis pri progresado de la movado en siaj landoj. Fine oni decidis sendi telegramon al Monsinjoro Mercier.

Samtempe okazis la dua kunveno de la « Rodoj ». Ili finis la debaton hieraŭ interrompitan kaj detale parolis pri la preciza funkciado de « Centra Oficejo ».Post kiam oni estis sufiĉe diskutinta,ĉiuj ĝentile cedis reciproke kelkajn postulojn, tiel ke kun granda plimulto oni aprobis la entutan regularon proponotan al la ĝenerala kunveno. Post vigla debato oni ankaŭ aprobis la proponon de S-ro von Frenckell,ke nur tiuj grupoj havos la rajton delegi reprezentanton, kiuj pagis al la Centra Oficejo antaŭfiksitan jarkotizaĵon ; pri la sumo decidos la Internacia Konsilantaro, kiu de nun havos la nomon « Administra Komitato ». Laŭ deziro de S-ro Bourlet oni ekstarante sankciis la ĝisnunaĵn kongresdecidojn, esceptante tiujn, kiuj per mala decido perdis sian valoron.

Posttagmeze okazis la dua kunsido de la Lingva Komitato. Rektoro Boirac ĝin prezidis. Oni aprobis la protestojn kontraŭ la vortaro de de s-ro Grosjean-Maupin kaj esprimis la decidon, ke publike la L. K. ignoru tiajn librojn kaj lasu la kritikon al la gazetoj. Plue oni aprobis baldaŭ aperontan liston da novaj vortoj, kontraŭ kiuj neniu protestis. — Novaj L. K.-anoj estonte nur estos proponeblaj de la naciaj Esperanto - Asocioj. Fine oni diskutas kelkajn detalaĵojn pri Oficialo Gazeto kaj pri la Akademio.

Okazis ankaŭ dum la sama posttagmezo la unua kongreskunsido de la Internacia Scienca Asocio. Generalo Sebert prezidis. Multnombra ĉeestantaro (oni devis serĉi pli vastan kunvenejon !) aŭskultis la jaran raporton, precipe oni ĝojis pri la sukceso atingita okaze de la kongreso de l'internaciaj asocioj en Bruselo. S-ro Rollet de l'Isle prezentis novan statuton, kiu kreos en la I. S. A. sekciojn por specialaj fakoj ; principe oni konsentis. Prof Bourlet klarigis la malfacilaĵojn, kiuj malhelpis la aperadon de « Scienca Revuo ». Nur je la 6a horo la kunveno finiĝis.

Vespere la alia duono de l'kongresano povis admiri la belsonecon de nia lingvo per la dua prezentado de « Kaatje ». Same grande entuziasma aplaŭdado rekompencis la sindonajn bonegajn geaktorojn. Ili estu certaj, ke nun en la koro de ĉiu esperantisto ili estas kaj restos tre ŝatindaj karaj samideanoj !

La Antverpenaj liberpensuloj estis kunvokintaj en la salono de *Antwerpsch Koffiehuis* publikan kunvenon. Multaj personoj verdstelanaj kaj ne esperantistaj akceptis la inviton. S-ro Tyck, delegito de ĉiuj lokaj grupoj liberpensulaj, salutis la ĉeestantojn. Prof. Bourlet faris franclingvan paroleton pri la utilo de Esperanto al la libera penso, S-ro Dreves Uitterdijk parolis en nederlanda lingvo por Esperanto kaj S-ro Deshays instigis la esperantistojn aliĝi al la liberpensula movado kaj disvastigi per ĝi siajn ideojn.

Ankaŭ la framasonaj loĝioj gasteme akceptis la eksterlandajn samcelanojn.

La kuracistoj kaj farmaciistoj, inter ili ankaŭ la majstro, pasigis tre agrablajn gajajn horojn en la kamarada societo « Cercle Médical ». Ili esperas, ke ili sukcesos varbi la Antverpenan kuracistaron por la Esperanta afero, kaj la prezidanto S-ro d'Haenens certigis, ke la intereso por ĝi estas granda kaj ke tian kulturan movadon ili volonte partoprenos.

La saman tagon ankaŭ okazis kunveneto de la poŝtoficistoj, prezidita de S-ro Amon el Koloszvar. Ili priparolis organizajn aferojn kaj aprobis decidon, kiu al la bedaŭrinde ne ĉeestanta prezidanto montros la neceson de unuiĝo.

*Ĵaŭdon, la 24an,* antaŭtagmeze okazis generala kunsido.

S-ro Chavet unue legis danktelegramon de la belga reĝo kaj la detalan protokolon pri la kunveno de la « Rodoj ».

Nun komenciĝis la debato pri la Internacia Reprezentantaro. Kvankam antaŭ la kongreso ofte estis aŭdataj voĉoj de timo pro ebla trouzo de l'reprezentantara rajto, tamen la nombro de la skeptikuloj kaj kontraŭuloj tre malpliiĝis. Verdire oni nur diskutis pri vortoj, pri ilia senco kaj kunteksto.

Fine oni decidis krei specialan komitaton, kiu havos la taskon verki tute precizajn regulojn por la « Internacia Reprezentantaro » kaj publikigi ilin almenaŭ 3 monatojn antaŭ la Oka. Kvankam oni proponis la plej diversajn samideanojn kiel anojn de tiu komitato kaj kelkan tempon ne povis interkonsenti, oni tamen elektis S-rojn Van der Biest-Andelhof, Mudie, Ĉefeĉ, Warden, Sebert, Rollet de l'Isle, Bourlet, Cart, Mybs, Kandt, von Frenckell, Pujula, Perogordo, Schmid kaj Hodler. La ĉefaj taskoj de la komitato estas: ellabori internacian organizaĵon por interligo kaj financa fundamentigo de l' oficialaj institucioj de Esperanto, kunligi la ekzistantajn asociojn naciajn al grava federacio, krei (per fiksaj reguloj, k. t. p.) amikajn rilatojn inter ili kaj la fakaj societoj, precipe U. E. A.

Resumante S-ro Bourlet dankis pro la atingita rezulto kaj rekomendis imiti la modele bonan organizaĵon de la « Germana Esperanto-Asocio ». Li diris, ke la decidoj kreis « pacon kaj unuecon ». Ni esperu, ke la estonta parlamento de l' tutmonda esperantistaro ĉiam laboru laŭ tiu ĉi laŭdinda devizo.

Je la fino de la kunsido samideano donacis al nia kara majstro belan verdan standardon, kiun estis kudrintaj kaj brodintaj la blindaj membroj de la Washingtona societo.

La komuna kantado de « La Espero » ne povis manki por fermi tiun ĉi tre interesan kunvenon.

Tagmeze la Vagabonda Klubo private kunvenis en la *Taverne Royale* par priparoli internajn demandojn ; sekvis komuna gaja tagmanĝo de la vagabondoj.

Posttagmeze je la tria horo la verdstelanoj kolektiĝis en la Flandra Operejo por ĉeesti la disdonadon de premioj al la gajnintoj de la Literaturaj Konkursoj.

Ĉi tiu evidente tre alloga vidindaĵo estis preludatata de brila koncerto. Simpatiindoj blindaj geamikoj per artplena fortepianludado kaj kortuŝaj kantoj profunde emociis multajn el la ĉeestantoj. Varma kaj sincera aplaŭdo pruvis, ke la animo de ĉiu bona esperantisto deziras iom heligi ilian eternan nokton. La dana fraŭlino Melchior kaj la skotaj S-roj Grieve, Brand kaj Mackay estu certaj, ke ili gajnis multe da helpantoj al la Esperanto-movado inter geblinduloj.

Ne malpli sukcesa, kaj ankoraŭ pli konvinka estis la poeziplena parolado de la juna elokventa oratoro S-ro Privat. Denove kaj, ŝajnas, eĉ pli lerte kaj perfekte, ol ĝis nun, li pruvis per trafaj argumentoj, ke nia lingvo per ĝia literaturo riĉa estas vivanta, nedetruebla, kaj ke lingvo, per kiu blinduloj kaj geamantoj povas esprimi siajn plej delikatajn sentojn, ne bezonas reformojn kaj plibonigojn. Trifoje tondra aklamo revokis lin sur la scenejon.

F-ino Vermeulen tre sprite kaj agrable prezentis humorplenan monologon « Ŝi ne legos ĝin » ; S-ino Elb deklamis grandsukcese mentradukitan paĝon biblian pri Samson kaj Dalila, kaj poste S-ro Schoofs legis la raporton de D-ro Van der Biest, pri la literaturaj konkursoj. Laŭtvoĉe la publiko gratulis la gajnintojn ĉeestantojn, kiuj kune suriris la scenejon.

Entute la literaturaj konkursoj havis bonan sukceson : la nombro kaj valoro de la premioj estis tre kontentiga, la nombro kaj la fervoro de l'aspirintoj estis granda. Kiel diris la raportanto, dezirinde estas ke en venontaj konkursoj la malavareco de donacantoj, la bonvolo de l'juĝantoj kaj la lerteco de l'verkantoj ĉiam sin montru kiel ĉe la nunaj literaturaj turniroj.

Je la sama posttagmezo la fervojistoj duafoje kunsidis sub la prezido de S-ro Berlande. Oni dankis la organizintan komitaton kaj parolis pri kelkaj internaj demandoj.

Ankaŭ la policistoj kunvenis. Prezidis S-ro Warlop (Antverpeno). Diversaj inter ili priparolis la progresadon de l'kolegoj en Hamburg, Galac, Dresden, Haag kaj aliaj urboj. Oni decidis eldoni Internacian Polican Bultenon.

Je la 7a horo vespere la « Internacia Scienca Asocio » estis kunvokinta publikan kunvenon al la festhalo de l'Reĝa Ateneo. (La halo estis tro malgranda ; pro tio la I. S. A. devis ripeti la parolojn ktp. post du horoj). Unue S-ro Archdeacon, vicprezidanto de la Ligue Aérienne de France, faris rimarkindan disertacion pri la progresoj de l'aviadarto kaj ĝia historio. Interalie li rakontis, ke same kiel por la flugarto li interesiĝas kaj varbas por Esperanto kaj ke li sukcesis kolekti sumon de 10,000 frankoj, el kiuj ĉiujare oni disdonos premiojn al junaj komercistoj, kiuj diligente lernis Esperanton. S-ro Bourlet klarigis per popularaj ekzemploj la sciencajn leĝojn de flugado kaj aldonis personajn informojn al kelkaj kinematografibildoj pri la franca aviadistaro.

Tiam S-ro Rollet de l'Isle mallonge raportis pri la parolanta kinematografaparato (Gaumont), kiu laŭdire la unuan fojon estis montrata al la publiko. La esperantistoj ĝoje povis konstati, ke la parolanta kinematografo eble estos bonega propagandilo ; ĉar ili vidis kaj *aŭdis* francan paroladon pri Esperanto (de la ŝatata samideano S-ro Chavet). — Bedaŭrinde por la dua prezentado la aparato strikis (laŭ modelo de la anglaj fervojistoj ?).

Je la 9a, la gimnastikejo de « Deutscher Turnverain » gastigis proks. 300 personojn. Prof. Rohrbach anstataŭanta D-ron Mybs faris la ĉefparolon kaj tre klare montris la necesecon de Esperanto por germanoj vivantaj en fremdlando. Tre imprese ankaŭ parolis D-ro Zamenhof, D-ro Kandt kaj S-ro Werber (Wien). La kunvenestro promesis, ke la germanoj certe subtenos la esperantistan movadon en Antverpeno.

Samtempe D-ro Hanauer(Bruselo) prezidis propagandan kunvenon en la Popola Domo, kie la Antverpenaj socialistoj akceptis la eksterlandajn samcelanojn ; oni aprobis rezolucion favoran al enkonduko de Esperanto ĉe la internacia socialistaro. — Antaŭe la esperantistoj anoj de la socialista movado jam estis aŭskultintaj diversnaciajn raportojn kaj decidis prokrasti la publikigon de speciala ĵurnalo ; S-ron Hermant (Parizo) ili elektis kiel ĝeneralan sekretarion.

*Vendredon la 25an,* la kuracistoj en sia privata kunveno aŭskultis raporton de S-ro Poncet pri vivo kaj laboroj de la ĵus mortinta Lyon'a profesoro Arloing. D-ro Rotschuh parolis pri la kuracilo 606 de Prof. Ehrlich (« Salvarsan »). Oni priparolis la uzadon de Esperanto dum la internacia medicina kongreso okazonta 1913 en Londono kaj disiris post aŭdado de raporto pri Esperanto kaj blinduloj.

La Internacia Scienca Asocio triafoje kunsidis je la 10a horo. Oni elektis generalon Sebert kiel prezidanton ; S-rojn Köppen(Hamburg), Villareal(Lima), Spillmann(Moskvo) kiel vicprezidantojn kaj Rollet de l'Isle kiel sekretarion. Pri la « Scienca Revuo » oni decidis atendi la traktadojn inter S-roj de Saussure, von Frenckell kaj D-ro Thalwitz. Dume la oficialaj raportoj aperos en « Oficiala Gazeto ». Tre interesa estis

la diskutado pri teknikaj vortaroj ; de nun ĉiujn projektojn kaj proponojn oni kolektos en la Sorbonne (Paris), de kie oni donos simplajn nedetalajn raportajn kaj respondojn.

La ekzamenoj de la Internacia Instituto de S-ro Privat daŭris la tutan antaŭtagmezon. Entute 15 kandidatoj akiris la asteston « pri kapableco », 3 la « profesoran diplomon ». La ekzamenantoj estis S-roj Privat, Devjatnin, Ghez, Grabowski, Hodler, Ostrowski, Robin kaj Rousseau.

Tagmeze kunvenis la protestantoj. Sub la prezidado de S-ro Hübner (Mühlheim) ili sin okupis pri kreado de internacia komitato, kiu havos la taskon kolekti koj eldoni religiajn himnojn ĉie konatajn. Plue oni parolis pri « Dia Regno » monata organo de « l'Kristana Unuiĝo de Junuloj ». Interalie partoprenis la diskutadon Pastro van Griethuysen(Antverpeno),S-ro Page(Edinburgh),S-ino Weesnie (Baltimore), Prof. Christaller (Stuttgart) kaj S-ro Bonnevie (Christiania).

La kunsidon de la katolikaj esperantistoj gvidis S-ro Colas, kiu rekomendis, ke ĉiu aliĝu al la Internacia Unio de Katolikaj Esperantistoj. Oni parolis pri propagando en katolikaj rondoj naciaj, pri intervjuo kun la irlanda pastro Dowling kaj pri la kvin jam ekzistantaj specialaj gazetoj (belga, hispana, holanda, franca kaj germana).

Je la 1a h. la liberpensuloj kunvenis en hotelo « De Kroon », kie ili havis gajan amikan kunmanĝon.

Posttagmeze je la 2 1/2a granda amaso de kongresanoj kolektiĝis antaŭ la pordo de l'Ateneo por iri al la Skeldo. Kelkaj junaj — eble tro fervoraj — samideanoj maljungis la ĉevalojn de la veturilo, en kiu sidis la kara majstro kun sia edzino, kaj tiris ĝin dum la tuta irado. Tri grandaj vaporŝipoj de la societo « Wilford » tute pleniĝis per la multaj geesperantistoj ; laŭlonge de la vivplena interesa Skeldobordo ili promenveturis. Gaje flirtis la verda standardo je la antaŭa kaj meza masto de l' ŝipoj ; gaje babiladis la pasaĝeroj unuafoje refreŝigataj post ofte tro multa kaj tro longa laborado.

La kongrestago finiĝis per brila balo. La bela salonego de la « Reĝa Harmonio » ne estis sufiĉe granda por enteni ĉiujn verdstelanajn gastojn, kaj la dancado — ho ve ! — estis iom malfacila. Sed la humoro ĉiam estis bona, kaj diversaj agrablaj interrompoj (ekz. deklamoj de la 7 kaj 6 jara gefiloj de D-ro Robin) foriĝis enuon. Bedaŭrinde oni ne vidis tre multajn kostumojn naciajn ; tamen oni admiris la uniformojn de diversŝtataj oficiroj, kostumojn multkolorajn de skotaj, bretonaj k. a. gesinjoroj kaj la fantazian vestaĵon de Hinda princo (kolonelo Pollen kun la jam tradicia « plumfasko »), de angla Esperanto-doktorino k.t.p. Multaj gesamideanoj preferis promeni en la freŝa ĝardeno — kaj tre scivola ĵurnalisto Antverpena eĉ demandis, kiom da fianĉigoj rezultos el tiu vere familia festo.

Intertempe okazis la ĝenerala kunveno de «Libera Penso». S-ro Wolf prezidis. Oni priparolis organizajn aferojn, elektis du novajn komitatanojn kaj reprezentantojn por la baldaŭ en Hamburg okazonta kongreso de « Monistoj » kaj decidis, ke dum 1912 du oficialaj kunvenoj estos aranĝataj(en Krakovo dum la Oka kaj en München dum la Universala Kongreso de Liberpensuloj).

*Sabaton, la 26an de aŭgusto,* fermiĝis la Sepa Internacia Kongreso de Esperanto. La lasta komuna kunveno, kiu okazis je la 10a en la festhalo de la Zoologia Ĝardeno,estis ankoraŭ vizitata de proks. la duono de l'kongresanoj. Kaj kvankam oni povus supozi, ke pro la multaj laboraj kunsidoj, privataj kunvenoj kaj amuzaĵoj korpo kaj spirito de ĉiu kongresano jam tute laciĝis, tamen la diversaj diskutadoj estis tre viglaj.

Prezidis S-roj Van der Biest-Andelhof, Mybs kaj Mudie.

La raporton pri Lingva Komitato kaj Akademio, legitan de rektoro Boirac oni unuanime aprobis. Kelkajn parolojn funebrajn li dediĉis al la kore ŝatataj amikoj de Skeel Giörling, Méray, Berthelot, Huet, Merckens kaj de Schonka, kiujn la senkompata morto en la pasinta jaro ŝiris el la vicoj de niaj bravaj pioniroj.

S-ro Mann, redaktoro de «British Esperantist»,kaj S-ro Steier (Leipzig) parolis pri la propagandejo en Londono kaj pri Internacia Propaganda Instituto, ili rekomendis pli ol ĝis nun atenti la propagandajn kaj statistikajn gazetojn la «Propagandisto», kiu de post nun estos aldonata al « Esperanto », kaj la nove fondita « La Kroniko ».

S-ro Chavet legas la raporton de la financa komitato kaj la regularon de la Centra Oficejo. Kontraŭ 1 voĉo ili estis aprobataj.

D-ro Kandt raportas pri la jam okazinta unua kunsido de la hieraŭ elektita komitato pri reprezentantaro ; generalo Sebert estas la prezidanto ; S-ro Rollet de l'Isle anstataŭos lin. Oni definis specialan subkomitaton (D-ro Mybs, D-ro Kandt, S-ro von Frenckell), kiu kolektos kaj ekzamenos diversajn projektojn pri organizo kaj resendos ilin ĝis la 1a de januaro 1912 al la prezidanto.

S-ro Chavet donas resuman raporton pri la privataj kunvenoj kaj iliaj rezultoj.

S-ino Hankel aldone diras, ke por la ligo de l'aŭtoroj estas kreita speciala monkapitalo, al kiu S-ro Fischer donacis sian premion gajnitan en la literatura konkurso.

S-ro Mudie petas, ke oni informu la Centran Oficejon pri ŝtataj aŭ magistrataj helpoj al Esperanto, por ke la Konstanta Komitato oficiale povu danki.

D-ro Rosenstock sprite kaj varme invitas la esperantistaron por la 8a kongreso en Krakovo. La ĉeestantaro danke akceptas ĉi tiun proponon kaj antaŭnotas por la jaro 1913 la urbon Ĝenovan, por 1914 Parizon, kaj okaze de l'inaŭguro de la Panama-kanalo New-Orleans kaj San-Francisco volonte vidus inter siaj muroj la samideanojn.

S-ro Van der Biest-Andelhof finas la debaton kaj deziras al ĉiuj kongresanoj bonan hejmvojaĝon.

Fine F-ino Posenaer, en la noma de la belga esperantistaro, prezentas al la kara majstro belan pentraĵon prezentantan la rodon de Antverpeno, pentritan de Emiel Stoffels. Ŝi esprimas la malĝojon, kiun sentis la Sepo por la Sepa kiam oni aŭdis, ke D-ro Zamenhof pro malsano eble ne povos partopreni la Sepan, kaj la deziron, ke agrabla memoro pri la Skeldurbo restu en la familio Zamenhof.

Precize je la 12a kaj duono la prezidanto deklaras : Gesinjoroj, la kongreso estas finita !

Ankoraŭfoje kaj ne malpli entuziasme kaj flame ol ĉe la komenco, la fidela kongresanaro ekkantas « La Espero », kaj tiam eksonas la krio « Ĝis la revido en Krakovo ! » ; amikaj manoj interŝanĝas la adiaŭpremon, kaj ĉiuj disiras kun la tute prava konscio esti partoprenintaj unu el la plej pacaj kaj plej grandiozaj manifestacioj de la tutmonda kulturo.

La 27an posttagmeze ankoraŭ okazis du mallongaj kunsidoj de la ligo de malvastnacianoj kaj de la pacifistoj.

Citinde ankaŭ estas ke la Esperanta Psikistaro havis du intimajn kunvenojn sub la prezido de rektoro Boirac. Diversnaciaj reprezentantoj salutis ; oni definitive decidis fondi la ligon kaj priparolis la terminaron de l' Psikismo. La komitatanoj estas rektoro Boirac, prezidanto, S-roj Chaigneau, Meiler, Rosenstock, de Nogales, Stas kaj Schriewer, membroj. Tre interesaj estis la psikeksperimentoj ; dum unu el ili fantomaĵo, kiu sin nomis Rubens, profete antaŭdiris, ke en la jaro 1912 la famaj pentraĵoj en la Antverpena katedralo estos detruataj per brulado. Sukcesaj ankaŭ estis kelkaj provoj pri hipnotigo.

La 26an je la 7a vespere okazis festeno, en kiu 150 gesamideanoj partoprenis ; seriozaj, spritaj kaj ŝercaj paroloj spicigis la manĝadon kaj trinkadon.

La restantan liberan tempon multaj esperantistoj ankoraŭ uzis por pliintensigi sian scion pri Antverpenaj vidindaĵoj, la haveno, la popola vivo, por aĉeti la necesajn memoraĵojn, por fari privatan propagandon en kafejoj kaj butikoj, ktp.

*Dimanĉon, la 27an*, matene, la piaj samcelanoj ĉeestis la Diservojn en la katolika katedralo kaj en la anglikana preĝejo.

Antaŭtagmeze, sur la granda placo de S-ta Johano, okazis manovroj de la Ruĝa Kruco. Granda publiko neesperantista scivole rigardadis kaj baldaŭ komprenis, kian signifon dum la milito povos havi nia Esperanto.

Laŭdon meritas ĉiuj : la « kompatindaj » vunditoj, la zorgemaj flegistinoj, la lertaj portistoj, la helpemaj kuracistoj kaj la afablaj policistoj.

Posttagmeze dum la bela koncerto en la Zoologia Ĝardeno la granda publiko estis surprizata per nekonataj sonoj : la nelacigeblaj geesperantistoj kantis sian himnon. Ŝajnas, ke la rava

melodio kaj la belsoneco de nia lingvo faris plej efikan impreson, tiel ke intensa propagandado bone estis preparita.

## POSTPAROLO

— Je lundo la 28a, la lastaj kongresanoj forlasis la gasteman Skeldurbon, ĉu por viziti kun la Scienca Asocio la Bibliografian Instituton en Bruselo, ĉu por vojaĝi kun karavano al la plej belaj urboj kaj pejzaĝoj, ĉu por resti kelkan tempon en iu banloko proksima.

Sed ĉiu certe hejmen veturis kun la certa konvinkiĝo, ke la esperantistaro jam estas granda ronda familio, kies membroj ŝatas kaj amas unu la alian, ke la fortikiĝinta movado ne plu estas haltigebla aŭ detruebla, kaj ke kun nova forto kaj freŝa kuraĝo povas rekomenciĝi la senlaca laboro por nia ideala celo !

VIVU LA OKA ! ! ERNST WICHERT.

## LASTA NOMARO DE LA GEKONGRESANOJ

1368. F-ino Rutter, Mabel S. Jurnalistino, 81, Eppingham Rd. Putney, London (Angl.)
1369. Brun-Buissoo, rue Moncey, 18, Lyon (Franc.)
1370. Pelet du Planty, Léon, farmaciisto. 27, rue de ? Armentières »
1371. F-ino Scott, Mary Service, instruistino, Windsor Lotaya, Windsor Rd. Stockton-on-Teas (Angl-)
1372. Domen·ch-Alb·rich, Josef leŭtenanto de infanteria regimento n-ro 55, Gerona (Hisp.)
1373. Colomez-Brugue, Tomas, komercisto, Cindadanos 19, Camar a Comercia, Gerona (Hisp.)
1374. Monchâtre, Marcel, studento, 21, rue de la Ceinture, La Flèche (Franc.)
1375. Morel, Paul, notaria oficisto, boul. d'Alger, 5 » »
1376. F-ino Fyson, Ellen, 4, East Street, Tannton (Angl.)
1377. Eyres, Arthur, ŝtrump·endisto, 41 Victoria Park New Chesterton, Cambridge (Angl.)
1378. F-ino Jacobi. Emalie, Sonnenst5. 58, Kempten (Germ)
1379. F-ino Schedez, Johanna, Postgebaude, » »
1380. Rudy, Abraham. profesoro de lingvoj, Raleigh (Usono)
1381. Bianchini, Jacobo, pastro, Fontanafredda di Pordenove (Ital.)
1382. Wilbert, A., instruisto Siegesstr. 25, Cöln-Deutz (Germ)
1383. Finet, Adolf, profesoro, Constitutiestraat, 121, Antwerpen (Belg.)
1384. Dillen, pensiita policinspektoro, » »
1385. Jakob, Albert, Ecole Communale, Houplines (Franc.)
1386. James, Fernand, komeroficisto, rue Lafayette 1, Le Puy-en Velay »
1387. Malrieu, Florentin, komeroficisto, rue Vibert, 9, » » » »
1388. F-ino Desmarest, Jeanne, rue de la République, 61. Amiens »
1389. F ino Gonon Lucienne F urnus »
1390. Bresson, Pierre studento, rue de la Tour d'Auvergne La Flèche »
1391. F-ino Bresson Madeleine, » » » » »
1392. Demmler, Oskar, poŝtoficisto, Volkmühlestr., 13, Erfurt (Germ.)
1393. Ellis, John, eksolicitoro, 159, North St. Keighley (Angl,)
1394. F-ino Craven, Evelina, 34, St Marys Rd- Portsmouth »
1395. Laveran, François, inspecteur d'assurances, rue Caffarelli, 11, Toulouse (Franc.)
1396. Faber, Hubert, artpresadteĥnikisto, Alleestr., 7, Siegburg (Germ.)
1397. Couffinhal P. lernejestro. rue de l'Union Foncière 18, Reims (Franc.)

1398. D'Artois, tradukisto, 140, Vanderlindenstraat, Schaarbeek (Belg.)
1399. Robin, Gavril, laboratorejestro, str. I E. Bratianu 5. Bucuresti (Rum.)
1400. S-ino Robin, sama adreso.
1401. Teodorerscu, Alexandru, 114 Strada Traian, Bucuresti (Rum.)
1402. Barbalerscu Traian, Alecu Kurso 4. » »
1403. Colucci Benjamin, Juiz de Fora (Brazil.)
1404. Rajczi, Reozo. juristo, Crokonai u 13 Debreczen. (Hungar.)
1405. S-ino Miers, Osystraat 40, Antwerpen (Belg.)
1406. F-ino Miers, Jane, sama adreso.
1407. F-ino Fordoff, Emily, 38 Croft Terrace Dracup Rd., Bradford (Angl.)
1408. F-ino Crofer, Norwich »
1409. S-ino Anthonioz, 17 rue de d'Anjou, Paris (Franc.)
1410. S-ino Seigneur, sama adreso.
1411. Poppitz, Paul, komercisto, Weststr., 16, Plauen i. V. (Germ.)
1412. Arnold, Max, komercisto, Ziegelstr. 12, » » »
1413. F-ino Wakczynska, Anna, instruistino, Moritzstr. 15, Dresden »
1414. Bidault, Paul, ministreja ĉefredaktoro, 24 rue Rivay, Levallois-Perret (Franc.)
1415. S-ino Bidault, sama adreso.
1416. Aylward Sidney C., maŝinfabrikisto, 31 Barees Lanes, Coventry (Angl.)
1417. Dejean, Pierre, inĝeniero, Rue de Lyon 18, Le Creusot (Franc.)
1418. Salomon. D. H., havenlaboristo, Oude Koornmarkt 15, Antwerpen (Belg)
1419. F-ins Vernede, F. J. Hôtel Silsborch, Prinsenhage (Hol.)
1420. Coomans. bakisto, Falekstraat 175, 's Gravenhage »
1421. Touzet, Carlo, 65 rue du moulin vert Paris (Franc.
1422. S-ino Canet, magazenavendistino. 26 rue de Douai » »
1423. Grisier, Réné, eksport akestro, 50 rue Louis Thuillier, Amiens »
1424. Claude, Albert, agent voyer, Ancerville »
1425. Nedoŝivin, Aleksander, ŝtata konsilisto Kovno (Rus)
1426. Härtel, Kurt, instruisto, Bad Berka (Germ.
1427. Parrish, D. E. paroladisto, 4525 moneta, Los Angeles (Usona)
1428. F-ino Chafer, Emily, 81, Taylor Hill Rd. Berry Brow, Huddersfield (Angl.)
1429. F-ino Ebbs, Hannah, M. Main Street, 21. Gorey »
1430. Fréchas, A., kalkulisto, 3 Sophie Germain, Paris (Franc.)
1431. Grafo de Constades, Mery, inĝeniero. La Garnetière »
1432. F-ino Grafo de Constades, Méry, sama adreso.
1433. von Römor, I. F. E. fervoja oficisto. Sophias Hoeve, Bushamer grundweg, 41, Hilversum (Hol.)
1434. Stroele, Georges, instruisto, Palais, 3, Neuchâtel (Svis.)
1435. Browning, Oscar, profesoro, Dorset Rd. Berchill on Sea (Angl.)
1436. Colyer, Douglas, studento, » » »
1437. S-ino Luce, R. A. 42. Friargate, Derby »
1438. S ino Luce, C. R. sama adreso, » »
1439. F-ino Luce Rachel, sama adreso, » »
1440. F-ino Planchet, Ludovikino. rue Grisson. 2, Orleans (Franc.)
1441. Honeysett Arthur, civilinĝeniero, Hilmont Thicket Rd. Sutton (Angl.)
1442. Deglaire André, komercoficisto, 4, rue Sivet, Paris (Franc.)
1443. F-iuo Irmer, Else, komercistino, Langestr. 371, Sebnitz (Germ.)
1444. G. Pollet, 4, rue de Marche, La Hâvre (Franc)
1445. S-ino Hall, Aggelby (Finl.)
1446. Tronquez, Léon, agento, 6, rue des Fossés, Lille (Franc.)
1447. S-ino Tronquez, sama adreso,
1448. Szczupak, Gustave, rentisto, 26, rue Demours, Paris (Franc.)
1449. Butler, Montagu, C, muzikisto, manorside, 18, Leigh Rd. Higbury Park, London (Angl.)
1450. S-ino Butler, sama adreso.
1451. Selens, Edgar, monŝanĝisto, Antwerpen (Belg.

1452. S-ino Biske, Hôtel Herzoghof, Baden b Wien (Aŭstr.)
1453. F-ino Callis, H. mears Ashby, Northampton (Angl.)
1454. Brown, W., Mayfield Chorley »
1455. F-ino Adam, Anna, instruistino, St. Blaise (Svis.)
1456. Van Oevelen, Kornelio, vikario, Zoersel (Belg.)
1457. Guilemaud, Paul, diamantvendisto, 17, rue d'Antin Paris (Franc.
1458. S-ino Guilemaud, sama adreso.
1459. Batavier Léon, oficisto, rue Bellefond, 15, » »
1460. F-ino Simon, 21. rue St Hélier, Rennes »
1461. » Hyden, Constance, Black Fyne House, Blackhill (Angl.)
1462. » Bernard, Marie J., instruistino 5 Robertson Terrace, Hastings (Angl.)
1463. Teltschik, Gustav, mag. pharm., Eibiswald (Aŭstr.)
1464. Borson, Louis, farmaciisto 41, rue Carnot, Château Thierry (Franc.)
1465. Craig Robert A., advokato, Beech Hill, Shrewsbury (Angl.)
1466. S-ino Craig, sama adreso. » »
1467. F-ino Craig, Eileen, sama adreso. » »
1468. » Diseon Ethel, » » » »
1469. » De Zwaan J. M., Laan v. Blodinge 6, . Rijswijck (Hol.)
1470. » Vermeulen, Ida, Handelslei, 139, Antwerpen (Belg.)
1471. S-ino Bouchet, 23, rue Terrois, Lyon (Franc.)
1472. F-ino Thévenet, sama adreso,
1473. S-ino Berlande, 4, rue Cottreau, Villeneuve »
1474. Crawshaw, Edward, komizo, 18, Thornhild Str , Lavile Foron. Dewsbury (Angl.
1475. F-ino Hennekens. Angèle, Arendstr. Antwerpen (Belg.)
1476. Kyzer, Jo Eric, ingeniero, 15 Victoria villa, London (Angl.)
1477. Studd Sidney, bakisto, Wellington Rd. Todmorden »
1478. Wood, Tom. presisto, Hollins, Walsden » »
1479. Flamand, Alexandre, ĉampanvinvendisto. Savigny-les-Beaune (Franc.)
1480. Moscheles, Felix, The Grelise, 80, Elm Park Rd. London (Angl.)
1481. S-ino Moscheles, sama adreso.
1482. Tiard, Charles, konduktoro, 27, rue Renard, Paris (Franc.)
1483. F-ino Greiser, Marg., Fellkampfstr., 13 Hannover (Germ.)
1484. F-ino Barat, Jeanne, rue Méaulens, 27, Arras (Franc.)
1485. Barat, Gaston, 6, Boul. Louis XIV, Lille »
1486. Howlet, Arthur William, tajloro, High Street, South Hill, Manningtree (Angl.)
1487. Christen, Armand Bruce, inĝeniero 11, Portland Terrace. Newcastle-on-Tyne (Angl.)
1488. Horobey, Arthur Read, inĝeniero, 24, Rock avenue. Bolton (Lancash-Angl.)
1489. Christoph, Karl, komercisto, Waltersdorferstr., 304, Gr. Schonau (Germ.
1490. Fuhrmann, Alfred, Friesenstr., 53, Magdeburg »
1491. S-ino Fuhrmann, sama adreso.
1492. Melzer, Oskar, instruisto, Annabergstr., 247, Chemnits »
1493. Kataluna Esperantista Federacio, str. Gracia 12, Sabadell-Barcelona (Hisp.)
1494. Curdt, Karl. komercisto, Eichenstr. 15, Hamburg (Germ.)
1495. S-ino Hartog, Parkstr., 7, Hannover »
1496. F-ino Schweitzer, » »
1497. F-ino Schroeder, Luise, Landwehrdamm 10. Hamburg »
1498. Hinrichsen, Georg. fervojoficisto, Hellerupvej, 38, Hellerup (Dan.)
1499. Cowper, Charles, inĝeniero, 8, Sandown Terrace, Deal (Kent-Anĝl.)
1500. Pradet, Pierre, 8, Impasse Belfort, Lyon (Franc.)
1501. S-ino Pradet, sama adreso.
1502. F-ino Pradet, 6, quai Claude Bernard, » »
1503. F-ino Guillot, Mathilde, 120, rue Molière, » »

1504. Bodger, Arthur William, hospitala sekretario, Teatnerstone Bulding London W, C. (Angl.)
1505. de Soriano, José M., eks-majorkuracisto, Arahal Sevilla (Hisp)
1506. S-ino de Soriano, sama adreso.
1507. F-ino de Soriano, Consuelo, sama adreso.
1508. Schwarzschild, Ludwig, Bankoficisto, Bismarckstr. 104, Charlottenburg (Germ.)
1509. F-ino Bourbonnais, Marguerite, 29. rue de Commerce, Blois (Franc.)
1510. S ino Black, Dawson Place, Mansions Pembridge Squarre, London (Angl.)
1511. S-ino Reboul, 57, rue de Torcy, Le Creusot (Franc.)
1512. S-ino Genevois, 30 rue de la Sablière, » »
1513. Martin, Auguste, komercisto, quai Nord 10, Mâcon (S. et L. Franc.)
1514: S-ino Martin, sama adreso.
1515. Nerson, Oscar. 36, rue Milton, Paris (Franc.)
1516. Engel, Adolf, artilerikapitano, Mariahilferstr, 22, Wien (Aŭst.)
1517. Ortegat, Lucien, Dr., Begijnenstraat, Mechelen (Belg.
1518. Van Peteghem, Léon, O.-L.-V. straat » »
1519. F ino de Villers Masbourg, Clementine, rentulino, boul de la Senne, 52, Bruxelles (Belg.)
1520. Podrusnik, Somerstraat 5, Antwerpen »
1521. S ino Thery, rentulino, 20, Ploce Verte, Valenciennes (Nord, Franc.)
1522. Kubiček. Jos, Dr.. kuracisto, Olsmouc 15, (Aŭstr.)
1523. Roe, Marius, Krügerplaats, Borgerhout (Belg.)
1524. F-ino Marse, Charlotte, Holbeinstr. 45. Dresden (Germ.)
1525. Stapel, van Kinsbergenstr. 94, 's Gravenhage (Hol.)
1526. Génermont, Marcel, arhitekto, place de la République, Moulins, (Alier. Franc.)
1527. S-ino Cox, Adgar Studio, Bedford Park, Chiswick, London W. (Angl.
1528. Cox, Mervyn, artisto-studento, sama adreso
1529. Bouchel, Henri profesoro, 32, rue d'Amiens, Arras (Franc.)
1530. S-ino Bouchel, sam adreso.
1531. F-ino Littledale. Louise A., 16, Belgrave Rd Rathnunes, Dublin (Angl.)
1532. Senff, Alfred, komercisto, Süllbergstr. 56, Blankenesr (Germ.)
1533. F-ino Senft Else, sama adreso.
1534. » Senft Charlotte, sama adreso.
1535. F-ino Witt, Gertrud, 32, Grindelallee, Hamburg (Germ.)
1536. Onten, Ernest, librotenisto, 25, Favendish Vale, Nottingham (Angl.)
1537. Stain, E. 2, rue de la Madeleine, Douai (Franc.)
1538. F-ino Greiner, Augusta, lernejestrino, 43, rue de l'Abbaye, Bruxelles (Belg.)
1539. F-ino Barret, Fernande, 12, boul. Carpeaux, Valenciennes (Franc.)
1540. Thönssen, Wilhelm, 315, C str. S. E. Washington (Usono)
1541. Llevat y Belada, Espana Industrial, 8 Saus, Barcelona (Hisp.)
1542. S-ino Llevat y Belada, sama adreso.
1543. Buttress, Herbert Carlton, 58, de Freville Avenue, Cambridge (Angl.)
1544. S-ino Buttress, sama adreso.
1545. F-ino Wurm, Else, 115, Kaiser Wilhelmst. Hamburg (Germ.)
1546. Lorenz Robert, komercisto » » » »
1547. S-ino Bilgmann. » » » »
1548. Durieux, Theodoro, makleristo, Dodoensstr., 34, Antwerpen (Belg.)
1549. Verbruggen, Jean, Hoogstraat, 14, Boom (Belg.)
1550. S-ino Šimonek, 1669, Blue Irland, Chicago (Usono)
1551. Schaeffer, Ernst, jurnalisto, Havelberg, Brandenburg (Germ.)
1552. Svoboda, Ottomar, eldonisto, Suarezstr. 54. Charlottenburg »
1553. Sexton, I. Maurice, Kingston-on-Thames (Angl.)
1554. S-ino Sexton, sama adreso,
1555. F-ino Sexton, Hilda, sama adreso.
1556. Sexton, Walter, G. sama adreso.

1557. F-ino Breguet, Louisa, Sablons. Neuchâtel (Svis)
1558. » » Berthe, » sama adreso.
1559. F-ino Casie, Jeanne, Scheldestraat, 14, Antwerpen (Belg.)
1560. Schibbye, Einar, instruisto. Bergen (Norv.)
1561. F-ino Guldemont Emilia, Willem Barentstraat, Utrecht (Hol.)
1562. F-ino Thiels, Maria kafejistino, Marialei, 19.
St Mariaberg-Eeckeren (Belg.)
1563. F-ino Cass, Kathleen,studentino, 15, Wathing Str. Preston (Angl.)
1564. S-ino Megahy, sama adreso.
1565. Seifert Friedrich Er. juristo, Hohenzollernstr., 20.
Kötzschenbroda (Germ.)
1566. F-ino Waddington, Minnie, Green Head Lane, Keighley (Angl.)
1567. Francois, Luis, 90, rue de la Flèche, Niort (Franc.)
1568. S-ino Rudy, Raleigh, N. C. O. (Usono.)
1569. F-ino Schoonheyht, Simone, Zuiderlei, 133, Antwerpen (Belg.)
1570. Maurer, Oscar, poŝtadministristo, Sternstr. München (Germ.)
1571. F-ino Godin, Charlotte, rue Gambetta, 68. Condé-s-Escault, (Franc.)
1572. Ciklari, Georgo, pentristo Tiflis, Kaŭkazo (Rus.)
1573. Devjatnin Kovno »
1574. Mann, William Walter, jurnalisto, 133 High Holborn, London (Angl.)
1575. Coleman, Stanley Fackson. aŭtoro, Cathérina St. Reading,
Berksh, (Angl.)
1576. F-ino Taylor, Winifred Ellen, stenografistino, Espero, Stamway Rd.
Coventry (Angl.
1577. Minon, Léon, meblisto, Middelbowey Rd. 32, Boitsfort »
1578. S-ino Grafino Daufios, Lea, rentistino, Paris (Franc.)
1579. Trotin, Alfred, poŝtoficisto. La Rochelle-Pallice »
1580. F-ino Higgs, Esther, Sunnyside Shawfield Park, Kent (Angl.)
1581. F-ino Klingelhoets, Maria, instruistino, Lange Congostr. 18,
Anwerpen (Belg.)
1582. F-ino Pauwels, Elvire, Turnhoutsche Baan 54, Borgerhout (Belg.)
1583. Grabowski, Antoni, inĝeniero, Hoza, 42, Varsovio (Rus.)
1584. Villareal, profesoro, Lima (Peru)
1585. F-ino Asselin, Louise, av. de Grammont, 7, Tours (Franc.)
1586. F-ino Britard, Gabrielle, rue Colbert, 88, » »
1587. Bett, J. R.. 122, Church Rd. Birmingham (Angl.)
1588. F-ino Smith, Gertrude, Lewishamhill, 41, London (Angl.)
1589. F-ino Puwis, Dorothy, Royal Hill. 38, Greenwich, » »
1590. S-ino Fuller, Plumstead Common Rd. 66, Wolwich »
1591. Fuller, Courtenay James, kuracisto, sama adreso.
1592. F-ino White, Edithe M, Kiarraba, Trowong, Queenland (Aŭstral.)
1593. Davies, David, instruisto, Aberdeen St. 243, Perth. (Angl.)
1594 Fierlinger, Eugène, Profesoro, Olomouc, »
1595. Van den Kerkhove, Berchem (Belg.)
1596. Tislowits. Henryk,, Dr. Krakow (Aŭstr.)
1597. Rudnicki, Stanislav, landa oficisto, Kopernika, 1. » »
1598. Rosenstock, Leon, Dr., str. Basztowa, 22, » »
1599. Herold, Benedykt, studento, ul Potockiego, 22, Lwow »
1600. Szurek, Josef, pastro, Lonczki »
1601. Rawicki, Francisko, pastro, Blaŝki »
1602. F-ino Beynard, Constance, instruistino, 13, rue de Revel.
Toulouse (Franc.)
1603. Hennes, Willem Cornelis, oficisto, Piderbieststr., 20, Haarlem (Hol.)
1604. Marseille, Charles, studento, 136, av. Parmentiers, Paris (Franc.)
1605. Roe, Marius. Diamantkomercisto, Krugerplaats, 25, Borgerhout (Belg.)
1606. Ŝabunin, Ivan, Dr. kuracisto, Salonika (Turk )
1607. Junker, Adolf, arhitekto, Toniserstr. 5, Kempen (Germ.)
1608. Fleischer, Ludwig, pordisto, Altenburg »

1609. Briegler, Karl, Dr. kuracisto, Andreasstr. 20, Worms »
1610. Lee, Harold komizo, Brick Bank Almondbury. Huddersfield (Angl.)
1611. D-ro Lorand, Leon, Lajos Kosuth u 10, Budapest (Hung.)
1612. F-ino Hutchinson, M. C. 11, Oakley Str., London (Angl.)
1613. Nawročik, Josef, tàjloro, Aachen (Germ.)
1614. Vigouroux, Charles, drogisto, Boul. de la Villette 152, Paris (Franc.)
1615. F-ino Tervey van Rees, Maria, Amikejo, Blaricum (Aol.)
1616. Cunningham, A. A. Dr. privata instruisto, London Rd. 47, Reading (Angl.)
1617. S-ino Collyer, 3 Soutport Rd, Chorley (Lanc.-Angl.)
1618. Brown, Mayfield, » »
1619. Pelletier, Delphin, professoro, grande rue 39, Louhans (Franc.)
1620. F-ino Lindecke, poŝtoficistino, Berlin (Germ.)
1621. Amon, Otto, profesoro de stenografio Kolosvar (Hung.)
1622. Fischer, Henriko, instruisto,, Cuza voda 73, Galatz (Rum.)
1623. F-ino Canzler, Emiline, Bismarckstr. 3, Weisser Hirsch, Dresden (Germ.)
1624. Scezcpankiewicz, Bronislov, librejisto, Kaliŝ (Rus.)
1625. S-ino Etienne, rue du Pont-Neuf, 79, Blois (Franc.)
1626. F-ino Bridel,, Geneviève, rue Côté, 24, » »
1627. von Sidl, Rudolf, librotenisto, Poremba (Germ.)
1628. Seokow, Friedrich, supera poŝtasistento, Nordhäuserstr., 120, Erfurt (Germ.)
1629. Jeniŝek, Jaroslav, libristo, rue de la Bourse, 10, Genève (Svis.)
1630. Fricke, Wilhelm, instruisto, Düsternstr., 131, Bremen (Germ.)
1631. Gimzel, Paul, instruisto, 38, Kaufmannsmühlenkamp, » »
1632. Lenoir, Goorges, fervojisto, rue de la République, Sotteville (Franc.)
1633. Rittner, Erich, komercisto, Breslauerstr., 77, Schweidnitz (Germ.)
1634. Soison, Marcel, instruisto, rue de Tauxelle, Troyes (Franc.)
1635. Beuve, Louis, instruisto, rue Diderot, » »
1636. Borel, Jean, Couvet (Svis)
1637. . . . . . . . .
1638. Hummel, Ernst, komercisto, Frankfurt a. M. (Germ)
1639. F-ino Fels, Regina, kuracistino, Lunaste, Swow (Aŭstr.)
1640. Borgh, John, Borga (Finl.)
1641. Artigues, René, kuracisto, 142, rue de Gourolles Paris (Franc.)
1642. F-ino Artigues, sama adreso.
1643. Arabeno, Michele, posedanto, Salito-Prione, 7-4, Genova (Ital.)
1644. Adler, Artur, ŝtatoficisto str. Featralna 21, Swow (Aŭstr.)
1645. Llarence, Lluna, Juan, instruisto, Bilbao 5, Barcelona (Hisp.)
1646. Frŭs, Einar, fervojasistanto, Aalborg (Danuja)
1647. Tison, Emile, policinspektoro, préfecture de police, Paris (Franc.
1648. Brossier, Fernand, vivasekura kalkulisto, 44, rue de Trévise. Paris (Franc.)
1649. F-ino Raffard, Marie, instruistino, av. de la gare 9, St. Chamond, (Franc,)
1650. F-ino Raffard, Louis, instruistino, av. de la gare 6, St Chamond (Franc.)
1651. F-ino Pratt, Elsie May, Tingston on Thames (Angl.)
1652. Marock, Ernst, instruisto, Hansastr. 166, Bremen (Germ.)
1653. F-ino Schmidt, Olga, Dammweg, 1, Frankfurt »
1654. S-ino Moyer-Sequeuse, rue de la Paris, 15. Valenciennes (Franc.)
1655. Codin, Léon profesoro, rue Viewattde 13. » »
1656. F-ino Haseton, May, 133, South St. (St Adrews, Fife-Angl.)
1657. S-ino Haseton, Gracie, 6 Wallace St., (St. Andrews, » »
1658. Rousseau, Théophile, profesoro, rue Baudin, Dijon (Franc.)
1659. Koczin, Therese, nova strato, propra domo, Kovno (Rus.)
1660. Hentze, Wilhelm, telegrafisto, Parkstr., 3. Düsseldorf (Germ.)
1661. de Nogales, Juan, pentristo, luidad Bodrigo, Salamanca (Hisp.)
1662. F-ina Billen, Alice, rue Faider 71, Bruxelles (Belg.)

1663. Joó, Stetan, kontoristo, 15 str. Péterjia, Debreczen (Hung.)
1664. F-ino Kohler, Anna, Casselerstr., 52, Cassel (Germ.)
1665. Voorbey, Thomas George. instrumentaristo.
2 Resalleen Terrace Golf Rd, Forest Hill. London (Angl.)
1666. Wünsche, Bruno, komercisto Oberoderwitz (Germ.)
1667. Bernard, Xavier, oficisto, Pl. V. Hugo, 9. St Denis (Franc.)
1668. Bastien, Albert, oficisto, rue de Paris, 70, St Denis (Franc.)
1669. Gromann, John, kuracisto, 521, Columbia Uthaca. New York (Usono)
1670. Pastoor, Johan, redaktisto, Brugplein, 6, 's Hertogenbosch (Hol.)
1671. Booth, John, inĝeniero, Rashdown 25. Melbourne (Aŭstral.)
1672. Linse, Rudolf, inĝeniero, Hindersinstr. 4a, Berlin N. W. 40 (Germ.)
1673. Pollnitz, Otto, komercisto, Morellstr. 21, Augsburg »
1674. Fouchard, Louis, advokato.
Chateau de Feuilleaucourt près Péronne (Franc.)
1675. Fouchard, Gabriel » » »
1676. Decoene. R. P., pastro, Chaussée d'Albecke, Courtrai (Belg.)
1677. F-ino Decoene, Rachel, » « « »
1678. Eilenberger, Hans, kafejisto, Breslaŭ (Germ.)
1679. Potter, Henriko, komercisto, Wolfschlucht, 25, Cassel (Germ.)
1680. S-ino Vonaho, Paŝa, Antwerpen (Belg.)
1681. Bartsch, Richard, inĝeniero, Zwickaŭ (Germ.
1682. Krijn, Hendrik, instruisto, Jericholaan, 52, Rotterdam (Hol.)
1683. Keyser, 135, Mt. Vernon, Union Town, Pa (Usono.)
1684. Hermant, Alfred, komercisto, rue Focillier, 7, Paris (Franc.)
1685. S-ino Collot, 24, rue de la Barre. Mâcon (Franc.)
1686. Collot, Augustin, notario, 24 rue de la Barre, » »
1687. S-ino Haeseler, Gertrud, Aachen (Germ.)
1688. Haeseler, Wilhelm, instruisto, » »
1689. F-ino Limper, Hedwig, Bachstr., 22, » »
1690. S-ino Minelle, 53, rue de l'Université, Reims (Franc.
1691. Steakley, Fred, ĥemiisto, Pembroke St. Cambridge (Angl.)
1692. F-ino Hubert Eugénie, Buttes Chaumont, Paris (Franc.)
1693. F-ino Fallot, Angèle, studentino, rue Granvelle, 8, Besançon »
1694. Brandt, Hellmuth, Mervingerstr. 3, Köln (Germ.)
1695. Esser, Karl. inĝeniero, Kapellenstr. 49, « »
1696. Junker, Aŭg., studento, Hohestr., 26, » »
1697. Diemer, Eduard, dent-kuracisto, Gutenbergstr., 1,
Köln-Ehrenfeld (Germ.)
1698. F-ino Stoeppler, Leonorah. 105, w. 94 St, New-York (Usono)
1699. Stirling, James, 38, rue Washington, Le Havre (Franc.)
1700. F-ino Mayer, C., » »
1701. Pitter, W., Bolbec
1772. Blanjean, Lucien, rue Louis XVI, 172. Bruxelles (Belg.)
1703. Kohli, Walter, inĝeniero, Schloss Geuz, Cöthen, Anhalt (Germ.)
1704. Cohn, Sally, 221, Main St. Wilkens Borre (Pa-Unsono)
1705. Cohn, sama adreso.
1706. Thönssen, Wm. J. R., Dr 315 C. Str. S. E., Washington, D. C. Usono)
1707. S-ino Weber, Lotte, Magdalenatr., 40, Wien IV. (Aŭstr.)
1708. S-ino Maurice, Fernand Paris (Franc.)
1709. S-ino Le Duigon, Cherbourg (Franc.)
1710. Hartley, L., 160 Rectory Rd, Burnley (Angl.)
1711. Kronchen, Louis, 222, Bezuidenhout, La Haye (Hol.)
1712. Van Dijck, Antoon, Ginniken »
1713. Couturier. Ernest, 33 Quai Valmy, Paris (Franc,)
1714. Minten, A., Potgieterstr., 41, Antwerpen (Belg.
1715. Clua, F., 39 Mordaunt Str. Stockwell, London (Angl.)
1716. Pillelt, John, konstruisto, 6, Jaques av, Worcester (Mass.-Usono)
1717. Woodfield, Montana, 11 Bowry Rd. Harrow Middl. (Angl.)

1718. S-ino Hoodwell, M. E. Pittsburgh, Pa, (Usono)
1719. S-ino Hailman, J. L., 310 S. Lang av. » » »
1720. S-ino Lünders, Lewis. P., 42,nd, Chester av. Philadelphia, » »
1721. de Lajarte, Rène, Fontanay-sous-Bois. (Seine-Franc.)
1722. Archdeacon, Ernest. 77, rue de Prony, Paris (Franc.)
1723. F-ino Piérard, Josèphine, rue Gray, 137, Ixelles (Belg.)
1724. Horowitz, rue Terlist, Antwerpen »
1725. Iwensky, Paul, provisoro, Kowno (Rus.)
1726. S-ino Iwensky, Fanny. » »
1727. Metaxas, Basile, Soukhom-Kale (Kaŭk. Rus.)
1728. Janssen, Albert, 218-76 St, Brooklyn (Usono)
1729. Barr, J. Louis, Farnham, Aldershot, Hampsh. (Angl.)
1730. Brodin, Villeneuve s. Yonne (Franc.)
1731. Roberts, Wm P., 38 Church av., Crosland Moor, Huddersfield Yorksh. (Angl.)
1732. Huguet, 25, rue Bourie rouge, Orléans (Franc.)
1733. Kohan, Charles, 3 Brick Court, Temple, London (Angl.)

# NEKROLOGIO

## Marcel MERCKENS, Prof. Siegfried LEDERER

La esperantistaro funebras pro la perdo de du eminentaj samideanoj, MARCEL MERCKENS kaj Prof. SIEGFRIED LEDERER.

MARCEL MERCKENS naskiĝis la 9an de oktobro 1873, kaj mortis subite en Parizo, la 20an de majo 1911.

Li verkis (kun Prof. Cart kaj P. Berthelot) la *Vocabulaire français-esperanto*, la unuan iom plenan naci-esperantan vortaron, — la esperantan parton de la *Esperanta Frazlibro de l'Turisto* (eldonita de la Franca Turing-klubo),— bonegan tradukon de la artikolo de Prof. Challaye pri Japanujo kaj dum la lasta vintro la tradukaĵon de « la Vendetta » de H. de Balzac, priparolatan en bibliografia felietono de la nuna numero.

La kara mortinto, kiu estis helpa sekretario de la revuo *Lingvo Internacia,* estos sincere plorata de siaj multnombraj amikoj.

---

Prof. SIEFRIED LEDERER, unu el la plej fervoraj kaj plej ŝatataj pioniroj por Esperanto, naskiĝis en Prago la 30an de junio 1861, kie la 8an de septembro korapopleksio finis lian laborplenan vivon.

Li estis gimnazia profesoro en sia gepatra urbo kaj akiris grandan famon inter la sciencularo. La movadon por internacia lingvo li interesplene atentis ; li estis unu el la plej viglaj adeptoj de Volapük kaj eldonis dum kvar jaroj (1889-1592) la volapükistan revuon « *Rund um die Welt* » (Zi vol lölik). Vidante ke Volapük ne sukcesos, li studis dum la lastaj jaroj Esperanton kaj estis tuj konvinkita, ke la genia lingvo de Zamenhof atingis tion, kion Volapük ne povis realigi. Li faris multajn propagandajn paroladojn, fondis grupojn, kaj esperantistigis la famkonatan libron de Andersen « *Bildolibro sen bildoj* » kaj « *Sufero* »

laŭ la originala teksto de Carmen Sylva. De post 1909 li kunlaboris en la redaktado de la ilustrita revuo « *Universo* » kaj fondis la saman jaron kun D-ro A. Schramm el Dresdeno la german-esperantan gazeton « *Rund um die Welt* » (Ĉirkaŭ la mondo).

Dum la du lastaj jaroj li verkis la « *Esperantista Poŝkalendaro* ».

Prof. D-ro Siegfried Lederer estis tre aminda kaj simpatia viro ; ĉiuj, kiuj estas konintaj lin, perdas en li veran, sinceran amikon.

B. E. respektplene kaj emocie salutas la du neforgeseblajn samideanojn, kiujn la senkompata morto forrabis.

Ili ripozu en paco! B. E.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue a 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ST. MARIABURG.** — Merkredon, la 27an de septembro, okaze de la proksima foriro al la militistaro de S-roj Borremans kaj Poot, gaja vespermanĝo kunigis la mariaburgajn samideanojn. La gastronomia parto, tre bone prizorgita de S-ino Rutten, la afabla mastrino de la Kruger's trinkejo, sidejo de la grupo, meritis ĉies laŭdojn. Vere artplena koncerto estis improvizata, en kiu partoprenis S-ino Thiels, nia sindona kaj nelacigebla prezidantino, F-ino Van Kraay, F-ino Janssens, k. t. p. Ne estu forgesata la talentplena artisto flutludisto S-ro Van Langendonck, kiu akompanis la diversajn kantojn. La prezidantino esprimis elokventan toston al niaj forirontaj amikoj Borremans kaj Poot.

La festo daŭradis ĝis kiam la Prezidantino grave anoncis ke la malgrandaj horoj de longe estis sonintaj (iomete la flandra amika kutimo). Oni disigis, decidinte ke tiu unua festeno ne estos la lasta.

Ĵoĉjo.

# DIVERSAJ INFORMOJ

☛ Pro la gravaj sciigoj pri la 7a mondkongreso de Esperanto nia gazeto ne aperas kun siaj kutimaj rubrikoj ; diversaj interesplenaj artikoloj nur povas esti enpresataj post kelka tempo.

Niaj estimataj legantoj kaj niaj kunlaborantoj bonvolu nin senkulpigi pro tiu nevola prokrasto. Redakcio de BELGA ESPERANTISTO.

La titolpaĝo, la enhavo kaj la solvoj de la problemoj 1919/1911 aperos en la 1a kajero de la 4a jaro.

Ni insiste petas la abonintojn de Belglando ke ili rizervu bonan akcepton al nia kvitanco por la abono de l'komenciĝonta jaro. La kvitancojn ni forsendos je la 1a de novembro.

La fremdlandaj abonintoj bonvolu kiel eble plej baldaŭ havigi al ni la abonpagon, Fr. 5 (2 Sm.)

La belgaj grupoj estas petataj senprokraste sendi la nomaron de siaj membroj-abonantoj por la jaro 1911/1912.

— **Grava peto** al la **gekongresanoj** de la **Sepa Internacia Kongreso en Antverpeno.**

Mi petas la gekongresanojn, kiuj fotografis dum la Sepa, ke ili bonvole sendu al mi *ĉiuspecajn fotografaĵojn* pri la kongreso. Mi repagos la faritajn elspezojn per memoraĵoj pri Antverpeno. La celo de la jena anonco estas kunmetado de propaganda albumo.

FRANS SCHOOFS, Sepano,
45 Kleine Beerstraat, Antwerpen.

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. (Adreso : Vondelstraat, 20, Antwerpen.)

I. **Algemeene boekhandel « 't Kersouwken »**, 66, St Jacobsmarkt, Antwerpen.

R. UNTERMAN. — *En danĝero,* triakta drama teatraĵo (en versoj), originale verkita (13 × 19), 96 paĝoj. Prezo : Fr. 2.50 = Sm. 1.

Kun granda plezuro kaj kreskanta emocio mi tralegis la belan libron de mia amiko R. Unterman. La subjekto estas tre interesa ; la stilo flua, kelkfoje eĉ brila. Tial mi sincere gratulas la aŭtoron kaj ne hezitas varme rekomendi « En danĝero » al la esperantistaro.

En la libro la tamen glitis kelkaj ne aprobindaj esprimoj, ekz. : *guberniisto,* p. 6 (guberniestro), *remeti,* p. 11,35 (transdoni, prezeti), *vaga,* p. 18 (konfuza)-*destino,* p. 23 (sorto, fatalo), *penitenco,* p. 35 (pento, pentofaro) kaj eble kelkaj aliaj, facile forigeblaj en nova eldono, kiun mi sincere deziros al la simpatia verkinto.

II. **Presa Esperantista Societo,** 33, rue Lacépède, Paris.

H. DE BALZAC. — *La Vendetta,* esperantigita de MARCEL MERCKENS (13×18), 120 paĝoj. Prezo Fr. 1,25 = Sm. 0.50.

La esperantistoj salutos kun emocio la aperon de tiu libro, kaj afable rememoros la bedaŭratan tradukinton, kies ve ! tro mallonga vivo karakteriĝis per plej efika laboro por Esperanto, agado modesta, senbrua, sed pro tio ne malpli utila !

La verko estas dediĉita al S-ro Prof. Cart, kiu en tre kortuŝa antaŭparolo priparolas la simpatian viron, kiu estis Merckens.

La esperantigita « Vendetta » ne bezonas rekomendon. Legante ĝin, la franclingvanoj admiros la fluecon kaj la fidelecon de la tradukaĵo ; la nefranclingvanoj konatiĝos kun plezuro kun unu el la plej belaj noveloj de fama franca aŭtoro. AMATUS.